HELECO organo de Astura Esperanto Asocio

n-ro 30 (1) JANUARO - FEBRUARO/83



ADRESO DE A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 344334 GIJON - 6

--------

ENHAVO





JEN...

kara leganto, vi tenas antaŭ vi la unuan numeron de nova epoko, kiu komenciĝas por nia modesta HELECO.

Ni esperas, ke ĉi tiu nova kaj plibeligita ekstera aspekto, kiu ekde nun identigas la organon de nia Astura Esperanto - Asocio, plaĉu al vi.

Sed, ni ja scias, ke "por ke epoko estu nova, ne sufiĉas ĝin nomi tia"; tial ni intencas ankaŭ,iom-post-iom kaj kiel eble plej, plibeligi la internon de nia gazeto, pliriĉigi ties enhavon. Tamen, por efektivigi tian laŭdindan intencon, ni bezonas vian helpon. Tial ni petas al ĉiu kapabla leganto, ke li/ŝi bonvolu kontribui laŭeble per kunlaboraĵoj pri kiu ajn temo, al la enhavo de nia gazeto.

Kaj nun, antaŭ ol fini nian ĉi-numeran prezentadon, ni deziras ĉi tie, publike, esprimi niajn sincerajn dankojn al la persono, kiu ebligis efektivigon de la nova digna ekstera aspekto de nia organo, nome: al S-ro. Moisés Llordén, Direktoro de Katedro "Jovellanos" de Universitata Disvastigo. (Ne miskomprenu, ni tute ne estas flatemaj; sed "nobleco devigas".)

Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Ne gravas ĉu temas pri raportoj, artikoloj, kritikoj, sugestoj, rimarkoj, k.s.

ANTAŬDANKON!

(Ĉu vi jam aliĝis al la 43-a Hispana Esperanto-Kongreso, okazonta en Zaragozo de la 20-a ĝis la 25-a de Julio ĉi jara?).

ADONIS.-

# NIA ANTENO





En nia antaŭa numero (29-a Nov.-Dec.- 82) ni raportis pri la Festo organizita de nia Asocio, okaze 123-a datrevено de la naskiĝo de nia Majstro, L. L. Zamenhof.

Hodiaŭ ni publikigas du fotografaĵojn pri la solena momento, kiam, en la kadro de tiu Festo, oni almetis florbukedon ĉe la nomtabulo de strato ESPERANTO.

= ● = 0 = ● =

Niaj kutimaj aktivecoj disvolviĝas normale. En nia sidejo E- kursoj, komenca kaj progresiga, plue okazas respektive lunde, merkrede, vendrede kaj marde, vendrede. Kiel kutime, dum la Kristnaska paŭzo en la kla--soj kelkaj gelernantoj forlasis la komencan kurson; sed, ankoraŭ restas dekduom da junaj entuziasmuloj.

Nia nelacigebla s-ano. Julio Argüelles denove sukcesis aŭdigi sian voĉon per Radio Gijón. La 4-an kaj la 18-an de Februaro; li parolis respektive pri Esperanto-elsendoj en diverslandaj Radiostácioj, kaj pri avantaĝo de Esperanto en internaciaj senperaj rilatoj de simplaj civitanoj, speciale por tiuj, kiuj havas hobiojn, kiaj filatelistoj, k.s.

= ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 = ● = 0 =

Ni memorigas la membrojn de nia Asocio pri tio, ke en nia Biblioteko estas disponeblaj libroj, gazetoj kaj revuoj, per kies legado oni povas, krom perfektiĝi en Esperanto, pliriĉigi sian kulturon.

ADONIS.-

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

# UNU PAŜO ANTAŬEN

Kiam mi ricevis informojn pri la projekto beligi la eksteran aspekton de tiu ĉi organo de Astura Esperanto-Asocio, provizante ĝin per pli alloga kaj moderna kovrilpaĝo, io tiklis mian spiriton sentigante almi kvazaŭan patran amon kaj la saman fierecon, kiun la avoj eksentas je ĉiu nova "triumfo" de iu ajn el siaj nepoj. Ĉar iamanire mi estas avo de "HELECO". "HELECO" estis la nomo de la organo, kies redaktoro kaj fondinto mi estis, de la Esperanto-Grupo "LA VERDA KOLOMBEJO", grupo fondita de mia kara frato Adonis kaj mi, kun la grava kaj entuziasma helpo de du aliaj samideanoj (tiam ankoraŭ komencantoj), Angelín kaj Manolito, en la jaro 1.952ª, en El Entrego, kaj kies ekfunkciado estis la kaŭzo de la vekiĝo en Asturio de la Esperanto-Movado post la sovaĝa faŝista hispana milito. Bedaŭrinde tiu "HELECO" malaperis pro neevitebla ĉesigo de la tiama viglega aktiveco de "LA VERDA KOLOMBEJO", kaj ĝia nomo pasis poste, dank' al mia frato Adonis (almenaŭ tion mi supozas), okaze de la fondado de la nuna Astura Esperanto-Asocio, al tiu ĉi periodaĵo, kiun vi nun havas antaŭ viaj okuloj. Jen kial, se mi estis la patro de la iama "HELECO", mi povas nun iel esti konsiderata "avo" de tiu nuntempa. Almenaŭ estu al mi permesata tion pensi, kaj esti fiera pro ĉiu progreso de tiu ĉi mia amata nepo.

Sed la ama sento de la avoj ne devas senkulpigi la eblan malbonan konduton de la nepoj. Kontraŭe, estas devo de la avoj riproĉi al siaj nepoj iliajn nedecajn agojn, montrante samtempe al ili la rektan vojon irendan.

Verdire, "HELECO", la nuna "HELECO", ne estis ĝis nun bonkonduta rilate la lingvan nivelon. Se oni atente tralegas ĉiujn numerojn jam aperintajn, oni povas vidi en ili tro oftajn gramatikajn fuŝaĵojn, miaopinie ŝuldatajn plejparte al malatento de la verkintoj, Ĉar mi konas persone iujn el la kunlaborantoj, kaj mi bone scias,ke kelkaj el ili studis ĝisfunde nian karan lingvon. Kelkaj aliaj ja estas pardonindaj, ĉar mi scias, ke ilia lingvonivelo ne estas ankoraŭ sufiĉe alta.

Tial, ke la organo de iu ajn asocio estas tutsence fidela reprezentanto de la reala stato de tiu, bona asocio devas nepre eldoni decan organon. Ĉar Astura Esperanto-Asocio estas serioza, vigla kaj laborema, oni devas klopodi por eldoni "HELECO"-n en neriproĉebla maniero el la vidpunktoj de preso kaj lingvo.

Per la nova kovrilpaĝo oni jam faris unu paŝon antaŭen sur la vojo de la plibonigado kaj perfektigado de nia organo. Tio ja estas grava, nedudeble. Ni iru nun al forigado de ĉia fuŝaĵo lingva, de ĉia gramatika eraro. Mi do, rekomendas al la kunlaborantoj atente tralegi iliajn verkojn antaŭ ol ilin sendi al la redaktoro; kaj al tiuj, kiuj ne ankoraŭ bone regas la lingvon, mi rekomendas, se ili iam deziras sendi kunlaboraĵojn por aperigado en "HELECO", la ĉiutaga legado de kelkaj gramatikaj reguloj, krom la ofta legado de bonaj esperantaj libroj. Tre utila povas esti, ekzemple, se vi posedas la poŝvortaron "Lexicón Sopena"-n, la legado de unu paĝo de la "Gramática ampliada" ĉiutage, legado, kiun oni devas ripeti almenaŭ unu fojon ĉiumonate, ĝis plena asimilado de la enhavo. Oni povas trovi tiun taskon iom enua, sed, miaopinie, tio estas sufiĉa por ekmarŝi tra la esperanta verkado. La ceteron oni nur atingos per ofta legado de bonkvalitaj verkoj kaj konstanta praktikado de la esperanta konversacio, se eble sub gvidado de kompetenta esperantisto.

Do unu paŝo antaŭen jam estas farita. Ni ne haltu ! Ni ne laciĝu ! Ek al la dua!

ALCIBIADO GONZALEZ MEANA

La Felguera, en la 22ª de februaro de 1.983ª

# Ĉu venkos Esperanto sen la interesiĝo de la laboristaro?

La disvastigo de la Internacia lingvo estas nuntempe, ankoraŭ prilaborita de "movado". La E-movado, kiel sciate, estas konstituita el volontaj aktivuloj kiuj konsumas siajn forton, tempon kaj ĉiuspecajn rimedojn favore al tiu nobla celo. Iu estonta tago la mondo konvinkiĝos pri la utileco de internacia, komuna lingvo kaj tiam la afero iros, se ne "sur flugiloj de facila vento", almenaŭ sur la dorso de mult.-milion-pieda amaso al kiu interesos Esperanto pro tio ke ĝi alportos utilecon kaj profiton. Ekde tiu tago la aktivaj movadanoj ne plu devos labori favore al disvastigo de la lingvo, tamen ili daŭre devos batali por la venko ankaŭ de la interna ideo de Esperanto kiu estas la regado de paco, interkompreno kaj amo sur la homoj. La Historio instruas nin ke kontraŭstaras tiun planon ne nur la lingvo-diverseco (eble D-ro Esperanto tro-taksis ĝin kiel faktoro de interhoma malamo) sed ankaŭ la soci-ekonomiaj homaj interrilatoj: personaj egoismoj konkurantaj por vivrimedoj en mondo kie regas malabundo, kaj ties rezulto, ekzistado de diversaj sociaj klasoj kiuj diferenciĝas per siaj malsamaj rilatoj kun la produktadrimedoj (posedantoj de produktadrimedoj: bienoj, kapitalo k.s. per kiuj povas ĉantagmaniere aĉeti la laboron de tiuj, kiuj posedas nur sian laborforton) el kio rezultas klasbatalo. Tiu klasbatalo estas la homa historio de la lastaj jarmiloj; ĝi estas la parentezo inter la primitiva -komunisma vivmaniero (komunismo en malabundeco) kaj la fina komunisma vivmaniero (komunismo en abundeco) kiu nepre devos veni al nia malfeliĉa speco. Dum la kurso de tiu parentezo-klasbatalo, ĝiaj protagonistoj aŭ ĉefroluloj, la soci-klasoj, ne la uloj, alprenas difinitajn sintenojn kaj subtenas aŭ modifas sian sintenon akorde nur kun la klasaj interesoj. Ekzemple, burĝaro estis revolucia klaso kontraŭ feŭdisma sistemo bazita sur la super-regado de malmultaj aristokrataj bienuloj sur la tuta popolo, sed ĝi estas nuntempe kontraŭrevolucia klaso kontraŭ proletaro aŭ laboristaro al kiu objektive interesas daŭrigi la revolucian procezon ĝis ties lastaj sekvoj: la kompleta liberigo de la tuta homaro bazita sur egaleco en la rilatoj kun la produktad-rimedoj kaj kompleta regado de la homaro sur la naturo.

Kaj nun ni prikonsideru la problemaron de la Esperantista movado. Esperanto estis kreaĵo de burĝaro kiam burĝaro estis ankoraŭ revolucia klaso. Kiam aperis en 1.887 la unua E-lernolibro estis pasinta malmulte ol jarcento ekde la Franca Revolucio, la pli grava monumento de la revolucia burĝaro, kaj dum tiu jarcento estis okazintaj en Eŭropo kaj Ameriko dekoj da revolucioj gviditaj de burĝklaso. La intelektuloj de tiu klaso kreis la elementojn de la ideologia superstrukturo de la nova sistemo bazita sur la idealoj de la libereco, egaleco kaj frateco. La kreaĵo de L.L.Zamenhof plene staras inter tiuj progresemaj ideoj, kiuj celas la bonon por la homaro. Sed atingita de la burĝaro la politikan povon fa-

vore al sia ekonomia superregado, ĝia celo estas nur konservi tiun sistemon kaj jam ne plu tiu klaso subtenas la progresemajn flagojn, kapitalismo, koloniismo, imperiismo, kune kun rasismo kaj aliaj krimoj estas la fruktoj de tiu ĉi nuna sistemo regata de burĝklaso.

La sama jaro kiam mortis L.L. Zamenhof, 1.917, okazis en Rusujo novstila revolucio, falis la trono de la caroj fare de revolucio kiu nur dum malmultaj monatoj havis burĝaran estrecon. Tiu klaso ne sukcesis ĉi-foje plenumi la perfidon al revolucio laŭ ĝiaj interesoj, kial sukcesis, ekzemple, okaze de la Pariza Komunumo. Nova klaso prenas la progresemajn flagojn forlasitaj de burĝaro. Laboristaro estos de tiu momento la ĉefrolulo de la historia irado al pli justa sociordo. Ekde tiu jaro ĝis nun okazis en la tuta mondo multaj revolucioj (multaj sukcesintaj) kies protagonisto estis tiu giganto: la fortoj de la laboro, la produktivaj kaj kreivaj fortoj. Nur tiuj fortoj povas esti la protagonistoj de nia E-ideo. Esperanto antaŭeniros nur per la piedoj de tiu giganto , kaj iros nur ĝis kie povos vojaĝi sur ties dorso. Estas evidente ke Esperanto pli progresas nuntempe en tiu socio kie ne plu reĝas burĝaro. Tamen en tiu ĉi socio kie ni loĝas ĉio kontraŭstaras Esperanton kaj ties internan ideon. Certe laboristaj fortoj ekzistas ĉi tie kaj oni ne povas diri ke ekzistas leĝoj malpermesante la instruadon de la Internacia Lingvo kaj la kunvenojn de la geesperantistoj. Sed la povo de la regantoj de la sistemo, ĝia kontrolo de la ideologia aparato (presaro, televido, lernejoj, eklezio, k.t.p.) estas aldirektitaj al la bestigo (hebeto) de tiuj fortoj ne kapablu plenumi tiujn taskojn, kiujn Historio asignis al ili; kaj estas aldirektitaj ankaŭ al izoligo de la iloj, la ideoj taŭgaj por plenumi tiujn taskojn, inter ili Esperanto. Seninteresoj, elreviĝo, sen espero, malkuraĝo... estas la rezulto de tiu efiko sur la laboristamasoj kaj rilate al Esperanto la rezulto estas nia izoliĝo, kaj malkono de la amasoj pri nia afero. Iufoje la televido diras ion pri nia movado, intervjuas iun elstaran esperantistoj, k.t.p., sed tiu informado pli servas al la celoj de la sistemo krei indiferentecon pri Esperanto ol al niaj celoj pri diskonado de nia lingvo kaj nia afero. Certe. La prezentado de Esperanto kaj esperantistoj fare de la komunikigiloj de nia socio kreas pri ni ideon, impreson, kvazaŭ kuriozaĵo, strangaĵo.... io simile al vegetalo-manĝistoj, nudistoj ... La ekologistoj nur lasttempe rompis la izoliĝon de simila ideologia getto, kaj malpligrade ankaŭ la feministaro estas rompantaj tian marĝenadon.

Ne estas facile elpensi formulojn - kiuj solvos tiun problemaron. Sed mi konkludas al ĉio-ĉi ke la malfacilaĵoj de nia movado estas la samaj de ĉiu progresema ideo de tiu ĉi socio, kaj ke la pasto sur kiu ni devas efiki, kvazaŭ gisto estas tiu granda amaso de gelaboristoj el ĉiuspeca metio kaj ofico, tiu granda amaso hodiaŭ mense influita de vivmaniero kaj valoroj de la klaso kiu ekspluatas ĝin, sed tiu granda amaso kiu estas nun la sola portanta je espero pri nova mondo sen ekspluatado, sen milito, sen malamo. La laboristamaso.

FAUSTINO CASTAÑO

***

# Niaj Geamikoj el....

## .... Ĉeĥoslovakio

### ZNOJMO, urbo kaj ĉirkaŭanta regiono

Znojmo situas sur la rivero Dyje kaj havas 35.000 enloĝantojn.Ĝi estas distrikta urbo.Nia departamenta urbo estas BRNO kun 400.000 enloĝantoj, kiu troviĝas 70 km. norde de Znojmo.La urbo Znojmo havas multe da historiaj kaj kulturaj memoraĵoj.La burgo kaj romanika rotondo de Sankta Katarino estis konstruita en la jaro 1.134-a; gotika preĝejo de Sankta Nikolaŭ estas el jaro 1.400-a.La burgo ĉe rivero Dyje nuntempe servas kiel muzeo.En la granda placo de PACO estas multe da urbaj domoj en baroka kaj renesanca stilo.La tuta plej malnova parto de la urbo estas nun ĉefa nacia kultura memoraĵo.

Sed, nia urbo havas ankaŭ novajn modernajn loĝdomojn kaj fabrikojn. Duono da domoj estas novaj, kiuj estas konstruitaj post la 2-a mondmilito.En la ĉirkaŭaĵoj de la urbo troviĝas multe da ĝardenoj, kie oni kulturas multajn fruktarbojn, precipe: abrikotujojn, persikujojn, ĉerizarbojn, pomarbojn, ks. Ankaŭ oni kulturas vitojn en vinberejo.

Proksime de Znojmo oni kulturas multe da legomoj, precipe: kukumoj kaj tomatoj.En Znojmo estas fabrikejo FRUTA-ZNOJMIA, kie oni prilaboras konservadon de legomoj, ĉefe kukumoj kaj ilin eksportas al la tuta mondo.

Por sia kultura vivo la urboloĝantoj disponas je urba teatro,biblioteko kaj kultura domo.En ĉi tiu kultura domo bone funkcias Esperanto-klubo jam 26 jarojn kaj havas 35 membrojn, precipe gejunuloj.La klubanoj interkorespondas kun gesamideanoj el 36 landoj, ĉefe el Eŭropo, sed ankaŭ el Ameriko, Azio kaj Aŭstralio.La programo de la Esperanto-klubo estas riĉa kaj varia;ekzemple oni aranĝas kulturajn vesperojn kun kantado, deklamado, prelegoj kun lumbildoj , kaj amuzvesperojn kun konkursoj, danco, ktp.

Je 22 km. okcidente de Znojmo troviĝas la urbeto VRANOV, kie ekzistas - granda akva valbaraĵo.Lago estas preskaŭ 30 km. longa kaj servas kiel refreŝiga feriloko.Proksime de Vranov situas vilaĝo LANĈOV, kie oni ĉiujare organizas Someran Esperanto-Tendaron.Dum 30 jaroj vizitis ĝin jam 10.000 Esperantistoj el Ĉeĥoslovakio kaj ankaŭ el Eŭropo kaj Azio.

VLADIMÎR ROTREKL

Estimataj gelegantoj:

kiel okazas (malfeliĉe) ĉiu jaro, la revuoj plialtigis la prezojn. Unuj pro la devaluto de la peseto, aliaj pro la altaj prezoj de la papero, salajroj, poŝto, k.t.p..

Por la jaro 1983-a. la revuoj R.P.E. kaj OOMOTO havos la jenajn prezojn:

R.P.E. 350 Eskudojn (350 x 1,40 = 490 Ptojn.)

OOMOTO 1200 Enojn (1200 x 0,55 = 660 Ptojn.)

Peranto;

Santiago MULAS Gallego
Alfonso I, 13-1º Izqda.
GIJON-5. Asturias.

La Esperantaj Revuoj vivas nur dankas al vi, gelegantoj. Abonu ilin!

## NEKROLOGO

Denove la senkompata Parco tranĉis la fadenon de esperantista homvivo. Je la 28-a de ĵus pasinta Januaro, forpasis en Moya, Barcelono, nia kara samideano kaj estimata amiko RAMON MOLERA PEDRALS.

Per lia morto la Esperanto - movado perdas unu el siaj plej fidelaj adeptoj, kiu dum multaj jaroj oferis sian tempon por la disvastigo de nia kara lingvo. Ĉia simila perdo estas grava por nia E - movado, sed des pli kiam temas pri homo kiel RAMON MOLERA, kiu ankoraŭ relative juna kaj tiel entuziasma kaj kapabla esperantisto, kia li estis, povintus ankoraŭ fruktodone labori por nia afero.

Ni kondolencas lian familion.

LIGE KUN LA 68-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN BUDAPEŜTO ( HUNGARIO ) - 1.983, LA INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ FOTO - KINO-MAGNETOFON - AMATOROJ /ILEF/ ORGANIZAS INTERNACIAN KONKURSON JE TEMO: "LA FOLKLORA ARTO-PONTO INTER LA POPOLOJ", KIU KORESPONDAS AL LA ĈEFA KONGRESA TEMO PRI KOMUNIKADO.

ILEF ALVOKAS ĈIUJN FOTO-KINO MAGNETOFON - AMATOROJN PARTOPRENI LA KONKURSON EN ĈIAJ TRI FAKOJ, LIGE KUN LA PROKLAMITA TEMO.

Pliajn informojn vi povas ricevi de la Centra Oficejo de ILEF:

1.303 - SOFIO, BULGARIO, bul. "ĤRISTO BOTEV", 97, INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ FOTO - KINO - MAGNETOFON - AMATOROJ /ILEF/.

# ATENTU!

Mi ricevis leteron de Gisele, (ŝi estas unu el miaj korespondamikinoj de Francio) kaj mi trovis ĝin tiel interesa kaj grava por nia Movado, ke mi estas represante ĝin parte:

" Kara amiko;

... eble vi scias ke francaj esperantistoj laboras por la lernado de Esperanto en duagradaj kaj superaj lernejoj. Estas leĝpropono kies sukceson ni deziras, kompreneble.

Ĵuse, ni legis ke S-ro. Glinne Ernest, belga deputito en la Eŭropa Parlamento, proponis rezolucion al la Eŭropa Parlamento por ke ĝi ekzamenu la eblecon enkonduki Esperanton, kiel elektebla lingvo, en duagradaj kaj superaj lernejoj en la tutaj eŭropaj landoj. Ŝajnas ke pluraj eŭropaj deputitoj komencis la Esperanto-lernadon. Ni atendas pli precizajn informilojn.

Do, la grupo decidis:

1) Danki kaj subteni S-ro. Glinne.- (ni jam faris tion).
2) Skribi al francaj deputitoj en Eŭropa Parlamento.
3) Peti de niaj gekorespondantoj fari la sama.

Ni pensas ke estus bona agado se la deputitoj de la tutaj eŭropaj landoj estus informataj. Do, mi faris mian taskon!.

Estas plej bone skribi hispanan lingvon, ne esperante:

S-ro. Glinne Ernest
Parlement Européen
3, Boulevard de l`Empereur
BRUXELLES. (Belgique) "

Mi opinias ke ni hispanoj devas fari same kiel niaj francaj samideanoj, tio estas:

1) Danki kaj subteni S-ro. Glinne.
2) Skribi al hispanaj deputitoj en Eŭropa Parlamento.
3) Peti de niaj gekorespondantoj ke ili faru same.

Se ni interesigus niajn deputitojn pri nia Movado, eble nia venko ne estus tiel malproksima, ĉu ne?.

SMUG-1.

# KUIRANTE KUN PILAR

## MORUA PASTEĈO

INGREDIENCOJ: 750 g. da moruo.
60 g. da sekvinberoj.
½ da kandizita piro, pecetigita.
300 g. da rompiĝema pasto.
2 - 3 ovoj
raspita ŝelo kaj suko el 1 citrono
1½ tekulero da kandizita citronŝelo bolanta, salumita akvo.

---

Kuiru la moruon en la bolanta, salumita akvo ĝis moliĝo.

Zorge detavoligu la fiŝaĵon kaj intermiksu ĝin kun la ovoj batitaj, kun la pecetigita piro, citronsuko kaj ŝelo.Miksu bone kaj aldonu la sekvinberojn kaj kandizitan, pecetigitan citronŝelon.

Per rulo platigu la paston kaj metu duonon sur la fundon de bakmuldilo.Enmetu la fiŝmiksaĵon kaj ĝin kovru per la alia duono de la pasto.Baku en bakforno je alta temperaturo dum 10 minutoj, malaltigu temperaturon kaj baku ankoraŭ dum 25 ĝis 30 minutoj aŭ ĝis kiam la pastaĵo estu raspa.

BONAN APETITON !